# INTERNACIA MEDICINA REVUO



Oficiala Organo
de
TUTMONDA
ESPERANTISTA
KURACISTA ASOCIO
(T. E. K. A.)

Monata ligilo
de la kuracistoj,
farmaciistoj kaj aliaj
medicinrilatantaj
profesianoj.





REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO
**20, rue aux Laines, BRUXELLES (Belgujo)**
Poŝtĉekkonto : Bruxelles n° 28.14.51. — Telefono 11.34.69.



**9a Jaro** **N-ro 9-10** **Septembro-Oktobro 1931**

## ABONOJ

Ĉiuj abonoj komenciĝas de la n° 1.

**Ordinara eldono** kostas, por unu jaro, unu usonan dolaron, aŭ samvalore.

**Luksa eldono,** sur baritpapero, estas rezervata al la subtenantaj membroj, kiuj pagos almenaŭ trioblan kotizon.

SIN TURNI

Pri originalaj sciencaj artikoloj kaj aŭtoreferatoj, al D-ro ROBIN, Marszalkowska, 113, Warszawa (Polujo)

Pri referatoj aŭ tradukoj el ĉiulandaj medicinaj ĵurnaloj al D-ro BLASSBERG, Starowislna ul 18, Krakow (Polujo).

Pri esperantista kroniko kaj fakvortara diskutejo al D-ro BRIQUET, 48, boulevard Montebello, Lille (Francujo).

Por mendo kaj pago de anoncoj, al la firmo M. WITTENBERG, Lietzenburgerstr. 4, Berlin W. 15 (Germanujo).

## ANONCOJ

HAVAS ANONCRAJTON POR ĈIUJ LANDOJ :

**La firmo WITTENBERG, Lietzenburgerstr. 4, BERLIN W. 15, GERMANUJO.**

*La teksto de la anoncoj estos senpage tradukata en Esperanton.*

9a Jaro N-ro 9-10 Septembro-Oktobro 1931

# INTERNACIA MEDICINA REVUO

*Internacia Medicina Revuo* estante sendependa diskutejo, nek aprobas nek malaprobas la ideojn de siaj korespondantoj, kiuj sole respondas pri la opinioj esprimataj kun ilia subskribo.

La redakcio rezervas al si la rajton mallongigi la manuskriptojn kaj korekti ilin, sed nur laŭ lingva vidpunkto.

La senditaj tekstoj estu, se eble, skribitaj *permaŝine*; almenaŭ ili estu *klare* skribitaj. Ne publikigitaj ili ne estas resendataj. La aŭtoroj de originalaj artikoloj ricevos laŭeble 25 represigojn de sia verko.

Reproduktoj kaj tradukoj estas nur permesataj kun *indiko de deveno.*

## ENHAVO

### XXIIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO



### DIVERSAĴOJ

# XXIIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

(1a ĝis 8a de aŭgusto 1931)

---

## KUNVENO DE T. E. K. A. DUM LA XXIIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN KRAKOW (6. VIII. 1931).



Sidas:

*En la meza vico sur apogseĝo:* D-ro ROBIN.
*De lia dekstra flanko sidas:* D-ro BLASSBERG, P-ro SUZUKI (Tokio), D-ro BULYOVSKI (Hungarujo).
*De lia maldekstra flanko sidas:* P-ro BUJWID, D-ro PHILIPPET (Paris).
*En la malsupra vico de maldekstre sidas:* S-ro MUNZ (Berlin), S-rino RUPERTOWA (Krakow), S-ro Felikso ZAMENHOF, D-rino Zofjo ZAMENHOF, D-ro J. KRENICKI (Varsovio), Prezidanto de ICK. MERCHANT, S-ro SCHOOFS (Antverpeno), D-ro Leono ZAMENHOF.

Staras:

*En la supera vico malantaŭ la prezidanto staras:* D-ro SOLONIEWICZ (Zychlin, Polujo).
*De lia maldekstra flanko staras:* D-ro Adamo ZAMENHOF.
*De lia dekstra flanko staras:* P-ro CANUTO (Torino), D-ro MEDRKIEWICZ (Lublin), D-ro LOTH (Pabjanice), D-ro KONDACS (Hungarujo).

# RAPORTO PRI LA TEKA-KUNVENO DUM LA KONGRESO EN KRAKOW

La T. E. K. A. konferenco okazis la 6an de aŭgusto 1931 en bela salono de la Krakova Kuracista Societo. Ĉeestis 55 personoj. Ni notu S-ron MERCHANT, prezidanton de I. C. K.; S-ron KARSCH, vicprezidanton de U. E. A.; S-ron Hans JAKOB, direktoron de U. E. A.; P-ron BUJWID, prezidanton de Int. Scienca Esp. Asocio; Docenton D-ron ZIELINSKI, reprezentanton de Krakova Kuracista Ĉambro; Kolonelon D-ron MACIAG, de la Krakova Kuracista Societo; S-ron Fr. SCHOOFS, Sekret.-Kasiston de la Konstanta Reprezentantaro (K. R.); S-on Inĝ. SCHNEIDER, reprezentanton de Karlsbada Esperantista Societo; el la T. E. K. A. anoj : P-ron MASAO SUZUKI, el Tiba, P-ron D-ron CANUTO, el Torino, D-ron PHILIPPET, el Paris, D-rojn BULYOVSZKY kaj KONDAS, el Hungarujo; D-ron HOWARD B. FROST, el Kalifornio; D-ron LEONO ZAMENHOF (fraton) kaj D-ron ADAM ZAMENHHOF (filon de nia Majstro).

La kunvenon malfermis D-ro BLASSBERG. Li salutis kore la ĉeestantojn kaj rakontis, ke la Krakova Kuracista Societo, kiu nin gastame akceptis, estas fondita de D-ro BARANIECKI kaj konstruita laŭ la planoj de la fama pola verkisto kaj samtempe pentristo WYSPIANSKI. La Krakova Societo simpatieme rilatas al Esperanto. Tie ĉi D-ro BLASSBERG prelegis pri *medicino kaj Esperanto* kaj kune kun samideano COHEN, el Londono : *pri blinduloj kiel masaĝistoj*. La organo de la Societo : *Polska Gazeta Lekarska* presigas raporton pri la T. E. K. A. kunveno kaj enpresigas konstante referatojn el nia I. M. R. Poste D-ro BLASSBERG transdonis la gvidadon de la kunveno al la prezidanto de T. E. K. A., D-ro W. ROBIN.

D-ro W. ROBIN diris la jenon :

Karaj Kunfratoj kaj gastoj! La hodiaŭa kunveno signifas novan paĝon en la historio de T.E.K.A., novan paŝon en la T.E.K.A.-agado. Sub la fortaj flugiloj de la I.C.K. kaj sub la speciale simpatiaj por ni flugiloj de la Prezidanto de L.K.K., nia Honora Membro P-ro D-ro BUJWID, ni kunvenas hodiaŭ por nin denove revidi, por premi reciproke niajn manojn kaj por pruvi per nia alveno nian fervoron kaj nian pretecon plue labori por nia bela ideo.

Se ni kolektiĝis en tiu bela salono de la fama Krakova Kuracista Societo, se ni povas prezenti hodiaŭ al la ĉeestantoj riĉan kaj abundan programon, tuŝantan sciencajn, metiajn kaj organizajn demandojn, ni tion dankas al nia senlaca eks-prezidanto, D-ro BLASSBERG kiu deiĉis multe de sia tempo kaj energio por tiel modele prepari la T.E.K.A. kunvenon. Li starigis por tiu celo komitaton, en kiu li estis samtempe prezidanto, vicprezidanto, sekretario kaj kasisto. (*Fortaj aplaŭdoj.*)

Mi do plenumas mian agrablan devon kaj dankas en la nomo de la C.K. de T.E.K.A. nian I.C.K., U.E.A., P-ron BUJWID, D-ron BLASSBERG kaj la reprezentanton de la Krakova Kuracista Societo, kiu disponigis al ni afable la salonon kaj tiel pruvis al ni sian simpatian rilaton al nia movado.

Mi salutas kore ĉiujn ĉeestantojn, alvenintajn el diversaj lokoj kaj honorigantajn nin per sia ĉeesto kaj eventuala partopreno en la diskutado.

Karaj Samideanoj! Antaŭ kelkaj semajnoj, ĵus antaŭ la kongreso, forlasis nin por ĉiam du gravaj, plenmeritaj niaj amikoj. (*Ĉiuj leviĝas*). La unua, P-ro D-ro August FOREL, el Yvorne, per sia tutmonde fama nomo donis al ni grandan moralan apogon, estis nia honora Protektoro kaj ĉiam laŭforte, buŝe kaj skribe, subtenadis nian movadon. La dua, D-ro Edmund SOS, el Wien, estis unu el unuaj pioniroj de la esperantista movado ĝenerale kaj de nia T. E. K. A. speciale, dum pli ol 30 jaroj. Ni

perdis ankoraŭ D-ron GELIBTER, el Zamosc, fidelan malnovan T. E. K. A.anon kaj P-ron POKOTILO, el Odessa, Honoran Protektoron.

Post tiel kruelaj perdoj ni devas ankoraŭ pli forte streĉi niajn penojn kaj harmonie daŭrigi nian laboron. Mi do proponas alpaŝi al la laborprogramo kaj nur permesas al mi esprimi la deziron, ke ĉiu bonvolu libere, senĝene partopreni en la diskutado, ĉar la lasta vigligas la kunvenojn kaj pruvas al nekredemuloj, ke ni posedas en niaj manoj bonegan instrumenton, plej taŭgan ilon por reciproka interkompreno. (*Vivaj aplaŭdoj*).

Mi proponas, kiel Vicprezidantojn: D-ron BLASSBERG, P-ron SUZUKI kaj D-ron PHILIPPET, kiel Sekretarion D-ron SOLONIEWICZ. (*Akceptita*).

Sekvis tralego de ricevitaj telegramoj kaj salutleteroj. Ni citos :

1) *Supera Kuracista Ĉambro* en Polujo salutas kolegojn-kuracistojn, kolektitajn en la Krakova Konferenco, deziras fruktodonan laboron sur la kampo de unuiĝo de la penoj de tutmonda kuracistaro por la ideo de scienca, socia kaj metia alproksimiĝo; plej celkonforma en tiu rilato estas la disvastiĝo de « neŭtrala lingvo ». Subskribis la Prezidanto de la Ĉambro, Eks-ministro D-ro CHODZKO.

La ĉi supra telegramo faris impreson al la ĉeestantoj ĉar ĝi devenas de la plej aŭtoritata duonoficiala kuracista unuiĝo en Polujo.

2) « La Redakcio de *Gastrologja Polska*, kiu la unua en Polujo enkondukis en sia ĵurnalo esperantajn resumojn, deziras al la T. E. K. A.konferenco grandan sukceson kaj pluan fruktodonan laboron sur la kampo de scienca kaj persona alproksimigo de diversnaciaj kuracistoj. »

3) P-ro D-ro HAZIME ASADA, el Nagasaki: « Bonvolu transdoni elkorajn salutojn al la T. E. K. A.konferenco kaj al ĉiuj kongresanoj. »

4) D-ro BLUTH, el Neuenahr: « Mi kore petas vin esprimi al la karaj T.E.K.A.-anoj miajn respektplenajn salutojn kaj bondezirojn. El la profundo de mia koro mi esperas, ke la kunveno estigu novan progreson kaj interfratecon. »

5) D-ro P. KEMPENEERS, el Bruxelles: « Bonvolu prezenti al la T.E.K.A.-kunveno plej sincerajn bondezirojn de Redakcio de I.M.R. »

6) D-ro WYSOKINSKI, el Ĉeĥoslovakujo: « Mi gratulas karajn T. E. K. A.anojn en la nomo de nia granda celo kaj laboro. Ke helpu vin Dio en viaj pensoj kaj plej efikaj projektoj. »

7) D-ro BRIQUET, el Lille: « Prezentu al ĉeestantoj miajn bedaŭrojn tre sincerajn, ke mi ne povas ĉeesti, miajn bondezirojn por la sukceso, miajn tutkorajn salutojn. »

8) D-ro KRENICKI, el Varsovio: « En la nomo de la Varsovia T. E. K. A.-rondo mi sendas salutojn kaj dezirojn de sukcesplena laboro. »

9) D-ro ANAKREON STAMATIADIS, el Ateno: « Mi, kiel malnova T. E. K. A.ano, salutas la T. E. K.A.tagon kaj deziras plenan sukceson. »

10) D-ro KARL WEISS, el Stuttgart (estinta sekretario de T. E. K. A.).

11) P-ro D-ro LUBIENIECKI, el Poznan,

12) D-ro A. BISCHITZKY, el Praha,

13) D-ro J. PRZEDBORSKI, el Czorstyn.

14) D-ro LUBELCZYK, el Varsovio,

15) Mag. Farm. WILTSCHEK, el Bratislava (Prezidanto de la Farmacia Sekcio de T. E. K. A.),

16) Maj. Farm. A. ZAMBRZYCKI, el Kotun,

ĉiuj sendas bondezirojn.

*Persone* salutis la T. E. K. A.-Kunvenon :

a) La Reprezentanto de la Krakova Kuracista Societo, Kolonelo D-ro MACIAG.
b) La Reprezentanto de la Krakova Kuracista Ĉambro, Docento D-ro ZIELINSKI,
c) La Prezidanto de I. C. K., S-ro MERCHANT,
d) La Prezidanto de la Internacia Esperantista Scienca Asocio, P-ro D-ro BUJWID,
e) La Vicprezidanto de U. E. A., S-ro KARSCH,
f) La Reprezentanto de la Itala Esperantista Asocio, P-ro CANUTO,
g) La Reprezentanto de la Japanaj Samideanoj, P-ro D-ro SUZUKI.

La multnombraj telegramoj, salutleteroj kaj salutparoladoj agrable

surprizis la ĉeestantaron. Ili refoje montras, ke T. E. K. A. fariĝas grava Asocio, trovanta multflankan aprobon kaj simpation !

Sekvis prelego de D-ro BLASSBERG *pri la antikva Krakova Medicina Fakultato kaj famaj Krakovaj Kuracistoj*. La prelego vekis grandan intereson. Vigle aŭskultis ankaŭ nekuracistoj. D-ro ROBIN dankis la prelegínton, aldonante, ke kvankam la titolo ŝajnis seka, la prelego montriĝis vere alloga ne nur por kuracistoj, sed ankaŭ por alifakanoj.

Sekvis komuna fotografado.

P-ro D-ro CANUTO, el Torino, klare lumigis la gravan kaj aktualan demandon : *Pri medicino kaj medicinistoj en la nova itala punleĝaro.*

Sekvis parolado de D-ro BULYOVSZKY, el Hungarujo : *Pri la patrina kaj suĉinfana prizorgo en Hungarujo.* La demando estas serioze kaj modele prilaborita. Ĝi nepre ekinteresos la legantojn de I. M. R. en kiu ĝi aperos.

Voĉon al tiu temo alsendis D-ro PRZEDBORSKI el Varsovio, kiu telegrafe sciigis pri neebleco alveni persone.

Pro la terura varmego, reginta en tiu tago en Krakovo, la restado en la salono dum kelkaj horoj estis tre laciga. Dank'al aranĝo de la Krakova Fabriko de RZACA-CHMURSKI la ĉeestantoj povis senpage refreŝiĝadi per trinkado de artefaritaj mineralaj akvoj de glacia temperaturo. Eble dank'al tio ĉiuj tre vigle aŭskultis la prelegojn kaj speciale la sekvantan paroladon de D-ro LEONO ZAMENHOF, el Varsovio : *Pri fuŝkuracistoj kaj la moderna medicino.* Eksplodis viva diskutado, en kiu partoprenis D-ro WANDER, el Krakovo, D-ro INGSTER, el Sosnowiec, Dir. HANS JAKOB, el Genève, D-ro ROBIN, S-ro MUNZ, el Berlin, S-ro SCHOOFS, el Antwerpen kaj aliaj.

La 5a punkto de la tagordo enhavis proponon de U. E. A. pri kreo de *Medicinaj Delegitoj de U. E. A.* La direktoro S-ro HANS JAKOB detale priparolis la demandon kaj klarigis la kondiĉojn de ĝia efektivigo kaj de bona funkciado. Precipe grava estas la kreo de « Banlokaj Delegitoj ».

D-ro W. ROBIN substrekis, ke antaŭ la milito U. E. A. fruktodone kunlaboris kun nia T. E. K. A. (eĉ ambaŭ Asocioj aranĝis kune kongreson en Nürnberg), kaj esprimis la opinion, ke nun ankaŭ reciproka kunlaboro povus esti utila ambaŭflanke, se la tasko de la Medicinaj Delegitoj ne estos ĝena kaj ne elvokos miskomprenojn. La projekto devas esti detale pridiskutita de ambaŭ Estraroj. La ĉeestantoj konsentis kun la lasta opinio kaj decidis transdoni la aferon al la C. K. de T. E. K. A.

La kunsido daŭris 4 horojn. Malgraŭ tio ĝi postlasis agrablan memoron dank'al harmonia, amika atmosfero ĉe serioza programo.

La tagmanĝo, prezentita de D-ro BLASSBERG al 26 T. E. K. A.-anoj kaj kelkaj gastoj en unuaranga restoracio, estis impona kaj simpatia fino de nia kunveno. La riĉa menuo (kun vinoj kaj glaciaĵo) la amika atmosfero, la koraj toastoj (D-ro Leono ZAMENHOF, Prez. MERCHANT, Dir. Hans JAKOB, P-ro BUJWID, D-ro

MEDRKIEWICZI, D-ro BLASSBERG, D-ro ROBIN, D-ro PHILIPPET, P-ro SUZUKI) postlasis sendube neforgeseblan memoron.
Post la tagmanĝo okasis *ekskurso* al la famekonata Frenezulejo « Kobierzyn ». Atendis nin du grandaj urbaj aŭtobusoj, liveritaj senpage de la Tramvoja Direkcio (dank'al la afableco de Direkt.-Inĝ. POLACZEK); partoprenis 50 personoj. La direktoro de la Frenezulejo, D-ro STRYJENSKI, solene nin akceptis, salutis en Esperanto kaj dividis nin en 4 grupojn, kiuj vizitis la grandan, belege situitan kaj moderne aranĝitan malsanulejon. Post la reveno en la teatran salonon de la malsanulejo ni trovis sur la tabloj bongustan lakton, kukojn, fruktojn, per kiuj bonvolis nin regali la afabla Direktoro. Tiel finiĝis la T. E. K. A. tago en Krakow.

En la fino de ĉiu mallonga raporto mi kun plezuro aldonas, ke D-ro PHILIPPET, nia malnova kaj fervora T. E. K. A.ano, bonvolis akcepti la taskon organizi la T. E. K. A. kunvenon en Paris en 1932, dum la tie okazonta Universala Kongrseo de Esperanto. D-ro PHILIPPET promesis starigi komitaton el konataj francaj T. E. K. A.anoj por tiu celo.

D-ro W. ROBIN krome komunikis :

a) ke nia senlaca kunlaboranto, D-ro BRIQUET, festas la 40jaran jubileon de sia kuracista agado; la Konferenco decidis unuanime sendi al la jubileulo la esprimojn de ĝenerala simpatio kaj de bondeziroj.

b) ke la telegramo de la Pola *Supera Kuracista Ĉambro* estas por ni grava propagandilo kaj povos bone influi la esperantistan movadon en Polujo; estas decidite oficiale danki la Ĉambron kaj ĝian Prezidanton, Eks-Ministron D-ron CHODZKO.

c) ke en la pola urbo Deblin unu el la stratoj estas nomita « strato de D-ro August SOCHACKI »; ĉar la menciita kolego estas unu el plej fidelaj, plej malnovaj T. E. K. A.anoj, estas decidite gratuli D-ron SOCHACKI pro la honoro farita al li de la urbo kaj deziri al li multjaran pluan agadon por la komuna bono.

D-ro W. ROBIN.

## PRI LA ANTIKVA KRAKOVA MEDICINA FAKULTATO KAJ FAMAJ KRAKOVAJ KURACISTOJ (*)

de D-ro Maksimiljano BLASSBERG (Kraków).

61 (438) (09)

La intelekta vivo de Krakovo kaj de tuta Pollando estis de la plej malnova tempo firme kunligita kun la antikva Krakova Universitato kaj ties medicina fakultato. Fondita en la jaro 1364a de la pola reĝo KAZIMIRO LA GRANDA la Krakova Universitato apartenas kune kun la universitatoj de Bologna, Heidelberg, Montpellier, Oxford, Padova, Paris, Praha kaj Wien al la plej antikvaj universitatoj en

(*) Prelego farita la 6.VIII.31 en la TEKA-kunveno dum la XXIIIa Universala Kongreso de Kraków.

Europo. La Krakova universitato estis 16 jarojn pli juna ol la Praha, unu jaron pli maljuna ol la Viena universitato. En sia komenca periodo ĝi estis unikaĵo en Eŭropo. Car dum la aliaj eŭropaj universitatoj en la XIVa jarcento estis aranĝitaj laŭ la Pariza monarkia modelo, la Krakova estis kontraŭe organizita laŭ la respublika aŭtonoma Bologna kaj Padova modelo. Tre interesa ekzemplo de la plej eble vasta aŭtonomio estis la ĉefa principo de universala voĉdonado, rajtiganta ne la instruistojn, sed la lernantojn. En tiu ĉi periodo sole la lernantoj elektis siajn majstrojn kaj sian kondukanton, nomitan « rektoro », kiun oficon povis plenumi sole unu el la lernantoj kaj ne profesoro. Al la rektoro estis malpermesite dum la tempo de plenumado de tiu ĉi ofico fari siajn ekzamenojn. La elektado de doktoroj kaj majstroj por la medicinaj katedroj okazis per voĉdonado kaj la kandidato, elektita per la plimulto de voĉoj devis esti aprobata de la reĝo aŭ ties komisario. La salajron al la profesoroj pagis la Ŝtato kaj por certigi, la necesan monon la reĝo destinis enspezojn, devenantajn de la salminejoj en Vieliĉka. Oni devas aldoni, ke tiutempe apartenis al la studantoj homoj maturaj, kaj ofte eĉ homoj tre influriĉaj, kiel episkopoj, abatoj, kanonikoj kaj ankaŭ civilaj altranguloj. La tiama persona kuracisto de la reĝo KAZIMIRO estis HENRIKO DE KOLN, kiun la pola historiisto DLUGOSZ nomas : « Magister de Colonia, vir in arte illa solers et expertus » (Magistro el Kolonjo, viro en tiu ĉi arto lerta kaj sperta.

Poste la Krakova universitato estis rekonstruita en 1400 de la reĝo LADISLAO JAGIELLO kaj tial ĝi estas ĝis nun konata sub la nomo « Universitato Jagiellona ». Tiu ĉi reĝo sekvis pli la Parizan universitaton kiel modelon, forprenis de la studantoj iliajn privilegiojn, kaj transdonis ilin al profesoroj. El tiu historia tempo estas notindaj kelkaj interesaj faktoj. Preskaŭ ĉiuj profesoroj de medicino apartenis al la pastraro kaj kelkaj estis eĉ eklezia altranguloj. Ĉiu ajn, kiu volis doktoriĝi, devis esti roma katoliko. La kandidatoj por doktoriĝo devis ricevi de la universitata kanceliero, kiu estis la Krakova episkopo, permeson nomitan « licentia pro gradu doctoris », kaj ili tial nomiĝis « licentiati ». Ĝis la XVIIa jarcento okazadis la ceremonio de doktorigo solene en katolika preĝejo. La rektoro de la universitato havis la rajton de « cenzuro » t. e. de permeso presigi verkojn, kaj kontrolo, ĉu ili respondas al la katolika religio. Ĝis komenco de la XIXa jarcento estis gradataj titoloj de « licencjatoj », « magistroj » kaj « doktoroj », — depost tiu tempo oni donadis sole la titolon « doktoro », kaj la titolo « magistro » estis sole donata al malsupraj ĥirurgiistoj kaj apotekistoj. En la urbo Krakovo kaj en la tuta ĉirkaŭaĵo devis praktikadi sole promociitaj doktoroj, la fuŝkuracado estis ne tolerata kaj kontraŭbatalata. La studado de medicino daŭris 5 jarojn. Oni treege zorgadis pri pura kaj honesta vivmaniero de la medicinstudantoj. Je la komenco de la ekzisto de la Jagiellona Universitato kaj precipe dum la XVIa kaj komence de XVIIa jarcento la interrilatoj inter la Krakova kaj la okcidentaj universitatoj estis tre intimaj. Sufiĉe multaj fremduloj studadis en Krakovo kaj eĉ ekzistis komunaj apartaj kunloĝantejoj por Svedoj, Hungaroj, Ĉeĥoj, Germanoj, Prusoj kaj Kurlandanoj. Estas restintaj historiaj dokumentoj, atestantaj pri vigla scienca interkorespondado

inter la Polaj kaj Padovaj medicinistoj, koncernanta la esploradon kaj kuracadon de la hararomaliĝano nomata « plica polonica ». Speciale alte staris tiam la sciencoj klasikaj kaj matematikaj, kiuj tiam altiradis al la Krakova universitato multajn fremdlandajn studantojn — malpli alte staris la medicina fakultato. La polaj tiamaj medicinistoj estis plejparte lernintoj de fremdaj universitatoj, italaj kaj francaj, ĉefe de Montpellier. Laŭ afirmo de la Skoto O'CONNOR, la personaj kuracistoj de la pola reĝo JOHANO III SOBIESKI, eĉ ankaŭ en la 17a jarcento estis en Pollando multaj kuracistoj de franca, germana kaj itala deveno. Sed tamen estis tiam ankaŭ Poloj eminentaj kuracistoj. Ekzemple en la XIVa jarcento ekzistis D-ro JOHANO RADLICA, estinta lerninto en Montpellier, kiu estis samtempe episkopo, kanceliero kaj eminenta kuracisto. En la XVa jarcento la Krakova profesoro JAKOBO EL ZALESIE estis konata kiel persona kuracisto de la ĉeĥa reĝo LADISLAO. En la sama jarcento la Krakova profesoro JOHANO WELS estis la unua, kiu kontraŭbatalis kontraŭ la tiama kutimo entombigadi la mortintojn en preĝejoj aŭ apud la preĝejoj. Per propra mono li aĉetis placojn en malproksimeco ekster la urbo kaj aranĝis tie universalan tombejon por tiuj, kiuj volis esti tie entombigataj. La tutmondkonata astronomo NIKOLAO KOPERNIK estis ne nur astronomo, sed ankaŭ filozofo, poeto kaj kuracisto. Siajn studojn de medicino li faris en Padova, kie li fariĝis doktoro en la jaro 1506. Speciale li studis ĉe la fama anatomo MARCO ANTONIO DELLA TORRE, amiko de LEONARDO DA VINCI, kaj ĉe GIROLAMO FRACASTORO. KOPERNIK ekzercadis la kuracistan praktikon ankoraŭ en la aĝo de 69 jaroj kaj li povis antaŭ enpuŝadi kaj progresigi la medicinsciencon, enkondukante ideojn parte originalajn, parte prunteprenitajn de ARĤIMEDO. Li ne estis vere Krakova kuracisto, sed laŭdire li estis venigata al Krakovo de malsanuloj. Liaj multnombraj medicinaj libroj troviĝas nuntempe en la biblioteko en Upsala. Amiko de KOPERNIK, JOHANO SOLFA, nomata JOHANO BENEDICTI, kiu praktikadis en Krakovo, konstatis tie ĉi unuafoje, ke la venera infektiĝo disvastiĝas ne sole per senpera kontakto, sed ankaŭ pere de vestaro kaj tolaĵo de la gemalsanuloj. Dro JOZEFO STRUS, la plej eminanta pola kuracisto de la XVIa jarcento, estis iniciatinto de la unuaj fiziologiaj eksperimentoj pri la pulso; li estis do pioniro de la scienco, kiun poste disvolvis la Anglo HARVEY. Li postlasis dekkelkajn verkojn, el kiuj la verko « Pri pulso », eldonita en la jaro 1555 en Bazileo, havis eĉ tri eldonojn. SEBASTIANO PETRYCY, disciplo de la Padova Universitato, estis eminenta kuracisto kaj filozofo de la XVIIa jarcento. Li estis konata profesoro de Jagiellona Universitato kaj plenmerita bonfarulo de la Krakova popolo. Lia monumenta tabulo troviĝas en la preĝejo de la Franciskanoj en Krakovo.

Post la unua dispartigo de Polujo, je fino de la XVIIIa jarcento, la Nacia Eduka Komisiono, kiun prezidis HUGO KOLLATAJ reorganizis la instruadon de la medicina fakultato, kreis novajn katedrojn kaj klinikojn. Ekzistis prelegintoj de anatomio kaj fiziologio, de ĥirurgio kaj akuŝscienco, farmacio kaj farmakologio, patologio kaj terapio, ĥemio, mineralogio kaj botaniko, kaj estis kreita aparta

ofico de prosektoro. Tiujn ĉi institutojn kaj klinikojn gvidadis eminentaj tiutempaj klinikistoj kaj scienculoj. Tiel la fakultato komencis prosperi kaj disvolviĝi. Sed bedaŭrinde depost kiam en la jaro 1796a Krakovo estis aligita al Aŭstrujo, la tiama Aŭstra Ŝtato faris el la universitato ilon de politikaj tendencoj, kvazaŭ polican oficejon, por forigi la polan lingvon el la prelegaro. Anstataŭ la pola lingvo oni enkondukis paŝon post paŝo la latinan kaj germanan, alvokis novajn profesorojn el germana Aŭstrujo.

En 1809, Krakovo denove estis enkorpigita en la malgrandan ŝtateton t.n. Duklandon de Varsovio, kreitan de imperiestro Napoleono. La fakultato refariĝis pollingva kaj tiu ĉi stato daŭris dum 22 jaroj. Sed la tiama tempo ne estis favora por medicinaj studoj kaj la pollanda janularo, plejparte entuziasma por Napoleono, militservis sub liaj standardoj. En tiu tempo specialan mencion meritas la militista kuracisto SIKSTO LEWKOWICZ, profesoro de ĥirurgio en Krakovo dum la tempo de la Napoleonaj militoj, kiu dum pli ol 10 jaroj prelegis ĉi tie ĥirurgion. Entuziasmigita por Napoleono, li marŝis kun ties armeo al Smolensko kaj Moskvo, li trapasadis la Berezinon, kunestis en Hispanujo, ĉe Leipzig, k.t.p. Kiam poste dum la unua pola ribelo kontraŭ Rusujo en la jaro 1813a la polaj ribelantoj bezonis lian helpon, li denove oferis sin al la nacia militservo. Dum lia ĉeesto en Hispanujo, li estis nomita honora profesoro kaj ano de la medicina-ĥirurgia akademio en Valladolid, kaj ankaŭ la medicinaj societoj en Paris, Montpellier kaj Bordeaux nomis lin sia ano. Li presigis latinlingve gravan monografion pri operacioj de vezikaj ŝtonoj.

Post mallonga ekzistado kiel libera Ŝtato, kreita de Viena Kongreso, Krakovo estis, en la jaro 1846, denove aligita al Aŭstrujo, kaj la Jagiellona Universitato devis denove suferadi, ĉar la pola lingvo estis malpermesita por la prelegoj kaj la profesoroj kiuj ne volis akcepti tiun ĉi staton kaj ne volis prelegi germanlingve, estis forigataj. Nur post la jaro 1861, en kiu ekestis la aŭstra konstitucio, rericevis la pola lingvo sian vivrajton. Sed ankaŭ tiam, precipe komence, ne ĉesis ĉikanado kaj malhelpado flanke de la aŭstra regno. Ekzemple kiam en 1864 la Krakova Universitato intencis solene festi la 500jaran datrevenon de sia fondiĝo, la tiama aŭstra ministro SCHMERLING malpermesis la feston, respektive permesis sole « intra muros », kondiĉe ke la parolontoj eĉ ne per duonvorto mencios pri Polujo kaj ties reĝoj eĉ ne pri la fondinto, KAZIMIRO LA GRANDA kaj la renovinto LADISLAO JAGIELLO. Memkompreneble ĝi estis ja malpermeso.

Sed post tiu ĉi tempo, kvankam la aŭstra ŝtato rilatis ne bonvoleme al la universitato, ekkomencis diligenta laboro, evoluo kaj kresko de la Krakova Medicina Fakultato, kiu al iĝis al alta scienca ŝtupo kaj eĉ dum kelka tempo kreis mondkonatan, tiel nomatan « Krakovan Skolon ». El tiu ĉi tempo estas citindaj kelkaj famaj nomoj de Krakovaj scienculoj. Ĉi tie en la fizika laboratorio estis de la famaj profesoroj WROBLEWSKI kaj OLSZEWSKI, la unuan fojon la aero fluidigita. kaj la profesoro SMOLUCHOWSKI donis la plej bone funditan kaj nun ĝenerale de la scienca mondo akceptitan klarigon pri la t.n. «brownaj movoj». Ĉi tie laboradis ĝis sia vivofino

la tranloĝiĝinta el Vieno profesoro DIETL, kiu estas mondkonata, kiel la unua reforminto de la tiamaj tutmondaj opinioj pri kuracado de la pneŭmonio, ĉar li pruvis al la mondo la malutilecon de sangigado ĉe tiu ĉi malsano. Krome li kreis fundamentojn, por la pola scienca balneologio, modernigis la medicinan fakultaton, popularizigis aŭskultadon kaj perkutadon, kaj poste kiel urba prezidanto multege zorgis pri disvolviĝo de Krakovo kaj krome kreis la polan medicinan gazetaron. De 1861 laboradis en Krakovo P-ro LUDVIKO TEICHMANN, mondfama anatomo, kiu malkovris la t.n. « Teichmannajn Heminkristalojn ». Krome li publikigis gravajn verkojn pri limfaj vazoj, kaj estis mondkonata pro liaj laŭ propra metodo faritaj injektoj de sangvazoj kaj preparatoj de ostoj, kiuj alportis al la Krakova Anatomia Muzeo grandegan famon. Li laboradis en la Krakova Anatomia Instituto ĝis sia vivofino. Pri la TEICHMANNA sangopruvo aperis lastatempe en nia « Internacia Medicina Revuo » (1931, noj 3-4), tre interesa artikolo de P-ro BOKARIUS el la Jurmedicina Instituto el Ĥarkovo. En 1882 estis vokita al la Krakova ĥirurgia katedro la Viena docento MIKULICZ, kiu dum sia kvinjara ĉeesto en Krakovo laboradis tre fruktodone kaj eldonis multajn medicinsciencajn disertaciojn, kaj kies neforgesita merito por Krakovo estis liaj energiaj penoj ĉe la tiama aŭstra registaro por konstrui ĥirurgian klinikon kaj aliajn medicinsciencajn institutojn. El Krakovo li estis vokita al Germanujo, al Königsberg, poste al Breslau. Lia posteulo P-ro RYDYGIER estis la unua, kiu laŭ propra metodo faris resekcion de la piloro, tuŝita de karcinomo, kaj li estis la unua kiu rekomendis resekcion de piloro tuŝita de la ronda ulcero. Mondkonataj kaj akceptitaj de la ĥirurgistoj estis liaj metodoj kudri la intestojn kaj resekcioj de intestaj invaginaĵoj. Krome estas mondkonataj liaj originalaj metodoj de operacio de la urinveziko. La Krakova fiziologo NAPOLEONO CYBULSKI, estinta asistanto de la rusa fiziologo TARHANOV, malkovris unua sendepende la adrenalinon, kiu en la sama epoko estis krome sendepende malkovrita de la anglaj scienculoj OLIVER kaj SCHAEFFER. Tre famaj estis liaj esploroj pri elektraj fenomenoj en la nervoj kaj muskoloj, faritaj per tre precizaj metodoj, kiuj permesis korekti erarajn opiniojn ĝis tiam regantajn pri ĉi tiu temo. En Krakovo laboradis la mondkonata laringologo PIENIAZEK, eltrovinto de la t. n. malsupra traĥeoskopio kiu fariĝis ŝtupo por postaj eltrovaĵoj de traĥeoskopio supra kaj bronĥoskopio supra kaj malsupra. Li ĝisfunde esploris kaj donis al la scienco la detalan bildon de la laringa krupo kaj montris al la laringologoj la malhelpojn ekestantajn pro posttraĥectomia strikturo. Li eltrovis proprajn tubusojn por dilatiiga intubacio. La Krakova profesoro KLECKI estis konata pro siaj laboroj pri la veneneco de la kolibaciloj kaj pri la kondiĉoj de ilia veneniga plifortiĝado, kio multe klarigis la nunajn opiniojn pri ekestiĝo de apendicito. Ankaŭ al la troviĝo de bakterioj en la histoj kaj al fenomenoj de transmigrado de bakterioj al la histoj estis de li dediĉitaj multaj mondkonataj laboroj. La ginekologo ROSNER estis konata en la scienca mondo pro siaj originalaj spertoj kaj teorioj pri la konstituciaj ecoj kaj specoj de la virinaj seksorganoj.

Mi volas aparte rememorigi la fame konatan en medicinscienco « Krakovan Skolon », konsistantan el profesoroj KORCZYNSKI, GLUZINSKI kaj JAWORSKI. GLUZINSKI kaj JAWORSKI unuaj pruvis, ke la ĝis tiam reginta dogmo, kvazaŭ la stomako estus la ĉefa centro de la digesta proceso, estas erara, ĉar la ĉefa digestado okazas en la intestoj. Tiu ĉi eltrovo fariĝis nun ĝenerala postulato de fiziologio kaj ŝanĝis ĝisfunde la opiniojn pri kuracado de stomakmalsanoj. Speciale la gastrologiaj eltrovaĵoj de JAWORSKI estas mondkonataj, kaj ŝajnas ne ekzisti en iu ajn lingvo pli grandaj verkoj kaj lernolibroj, kiuj ne citus lian nomon. Li esploris kaj montris la unua la simptomaron de la klinika malsano nomata « acida kataro de la stomako» kaj « muka kataro de la stomako » kaj ties interrilaton kun la karcinomo de la stomako. Li montris, ke ne de la manko de klorhidra acido, sed de ĝia pliiĝo devenas la plimulto de stomakmalsanoj. Li klarigis la etiologion de la stomaka ulcero kaj ties paralelecon kun hiperacideco. Li montris mikroskope en la stomaka enhavo, la korpetojn, devenantajn de leŭkocitdisfaloj, nomatajn de la klinikistoj poste « limakaj spiralkorpetoj de JAWORSKI. » JAWORSKI estis unu el la unuaj, kiuj esploris per precizaj sciencaj metodoj la efikmanieron de la mineralaj akvoj ĝenerale, kaj speciale de la Karlsbadaj kaj Kissingenaj, li montris ilian konduton kaj ŝanĝiĝon en la digesta kanalo, li instruis la kuracistojn de la mondo kiel ilin ĝuste kaj efikplene aplikadi en diversaj malsanoj. Tial dankeme la ĉefa mondkonata banloko Karlsbad honoris la profesoron JAWORSKI nominte lin sia honora urba civitano. Li kreis sur sinteza vojo tutan serion da artefaritaj mineralaj akvoj, kiuj estas ekvivalentoj de naturaj fontoj de Karlsbad, Kissingen, Salvator, Vichy k. t. p. Krome li kreis laŭ propra scienca teorio apartajn, grandvalorajn, kuracigajn tipojn de specialaj akvoj t. n. « normalaj» akvoj de JAWORSKI, ne trovataj en tiel forta solvaĵo en la naturo kun plej diversaj sanigaj celoj kaj efikoj. Pri tiuj ĉi akvoj la tuta medicina scienca mondo tre interesiĝis. La Krakova Instituto RZACA kaj CHMURSKI laŭ personaj indikoj de JAWORSKI konstante kaj senŝanĝe ĝis nun produktas tiujn ĉi akvojn, uzatajn amase enlande kaj eksportatajn eksterlanden.

Specialan mencion en la rondo de Esperantistoj meritas la estinta Krakova profesoro WICHERKIEWICZ konata kaj ŝatata en la scienca mondo kiel okulscienculo, estinta asistanto de la konata germana profesoro PAGENSTECHER. En 1903 li prezidis ĉe la internacia medicina kongreso en Madrid. Kvankam li ne apartenis al nia esperanta movado kaj estis bonega poligloto, parolanta samlerte kiel la gepatran polan lingvon ankaŭ la lingvojn germanan, franan, anglan, italan, tamen li poste presigis rememorajojn pri la Madrida kongreso, en kiuj li sendepende kaj memstare substrekis, ke la multlingveco malhelpas la solvon de diversaj sciencaj problemoj en la internaciaj kongresoj kaj ke oni devas alpaŝi al la forigo de la lingva babela turo kaj penadi al la internacia frateco. Konklude li proponis akcepti Esperanton, kiel helpan lingvon, kiel la solan solvon de tiu ĉi problemo.

Kvankam laŭprincipe mi ne parolis pri la vivantoj, tamen mi ne povas fini mian prelegon ne farinte escepton pri profesoro ODO

BUJWID, prezidanto ĉe nia nuna kongreso, fame konata nia samideano kaj honora membro de la Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio. Li naskiĝis en 1857 en Vilno, studadis poste en Varsovio kaj tie li doktoriĝis samtempe kun nia Majstro D-ro LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF. En 1893 li estis unuvoĉe vokita kiel profesoro de bakteriologio kaj higieno al la Jagiellona Universitato al Krakovo. Kiel estinta kunlaboranto de PASTEUR en Paris kaj de KOCH de la tuberkulozaj baciloj, li apartenis al la unuaj, kiuj konfirmis tiun ĉi eltrovaĵon. De li devenas la nomigo « tuberkulino », por la produktaĵo de tuberkulozaj baciloj. Li montris, ke la homa tuberkulozo elvokas ĉe la bestoj proceson malpli gravan de la malsano, kuraceblan, kiu eĉ povas servi al profilakta vakcinado kontraŭ la besta tuberkulozo. Li unua eltrovis metodon ricevi purajn kulturojn de aktinomikozo. Li malkovris putrajn bakteriojn en grajnoj de hajlo kaj sekve li starigis teorion pri ekestiĝo de la hajlo el akvoj, leviĝantaj el la supraĵo de la tero. En la bakteriologio estas mondkonata la « reakcio de ĥolera-ruĝo de BUJWID », kiu servas kiel diagnozilo por ekkoni ĥolero-infekcion. Li kreis kontraŭrabiajn institutojn laŭ PASTEURa metodo en Varsovio kaj Krakovo, kiuj apartenas al la unuaj en Europo. En la samaj urboj estis de li kreitaj institutoj por esplorado higiena de nutraĵoj. Konata estas la Krakova instituto por fabrikado de serumoj kaj vakcinoj. Sennombraj estas liaj higienaj meritplenaj aranĝoj por Pollando. Granda estas la aro de liaj estintaj lernintoj, nun fame konataj bakteriologistoj kaj higienistoj. Mondkonata kiel scienculo, li estas por ni plej kara pro sia fervoro por Esperanto, per kiu li stariĝas en la sama alta vico de niaj granda esperantaj mondkonatoj, kiel : LAZARO LEONO ZAMENHOF, CHARLES RICHET, BERGONIE, BOUCHARD, FOREL, VIERORDT, LEPINE, DOR, VANVERTS, JOHNSTON, BENEDIKTO DYBOWSKI, KABANOV, NISHI, OGATA, ASADA, MONTI, CARBONE, kaj aliaj.

Finante mian prelegon mi esprimas la deziron, ke la medicinaj fakultatoj kaj la medicinaj profesoroj kaj ĝenerale la kuracistoj de la tuta mondo kiel eble plej rapide ekkonu la veron, esprimitan en la vortoj de la Krakova profesoro WICHERKIEWICZ, kaj montritan en la faroj de la profesoro BUJWID : « ke la medicino nepre bezonas Esperanton, por povi tute plenumadi sian altan homaman celon kaj servi al la sano de tuta homaro sen diferenco de ŝtatoj, popoloj, nacioj, rasoj kaj religioj».

---

**Manko de loko devigas nin prokrasti la aperon de la aliaj raportoj prezentitaj dum la TEKA-kunveno en Krakow.**

## RAPORTO DE LA ADMINISTRACIO DE I. M. R. POR LA JAROJ 1929 KAJ 1930

Ni havas la honoron prezenti ĉi sube raporton de la administracio por la jaroj 1929 kaj 1930.

Por tiuj jaroj ne povis esti starigitaj kalkuloj montrantaj laŭ kategorioj la diversajn enspezojn, ĉar al pluraj personoj estis sendataj sumoj devenantaj de kotizoj, abonoj, anoncoj, donacoj, k. t. p.

*Dum la jaro 1929*, alvenis al la administracio la sekvantaj sumoj:

| | belg. frank. |
|---|---|
| a) kotizoj aŭ abonoj pagataj senpere | 1.875,84 |
| b) sumoj ricevitaj de D-ro Bluth, ĉefkasisto | 23.274,20 |
| c) sumoj ricevitaj de D-ro Briquet | 5.752,50 |
| d) bankaj procentoj | 6,88 |
| Entute belg. frank. | 30.909,42 |

| | |
|---|---|
| Aliflanke, ni pagis al la presisto | 23.938,46 |
| al oficist(in)o | 4.815,— |
| poŝtelspezoj kostis | 635,62 |
| por oficeja materialo ni elspezis | 89,40 |
| Entute belg. frank. | 29.478,48 |

Post likvido de ŝuldo al D-ro Kempeneers por elspezoj faritaj pro la aranĝo de la T. E. K. A. kunveno en Antverpeno (1928) — 117,50 —, restis, kiel saldo kreditora sumo de 1.313,44.

Dum la jaro 1930, ni enspezis:

| | |
|---|---|
| a) kotizoj kaj abonoj | 20.590,10 |
| b) de D-ro Bluth ni ricevis | 8.005,— |
| c) de D-ro Wysokinski | 1.535,05 |
| d) bankaj procentoj | 82,76 |
| Entute belg. frank. | 30.210,91 |
| saldo de la antaŭa jaro | 1.313,44 |
| Sumo: | 31.524,35 |

La elspezoj estis:

| | |
|---|---|
| a) presisto | 21.093,40 |
| b) oficisto | 4.118,— |
| c) posto | 2.135,— |
| d) oficeja materialo | 151,50 |
| e) diversaĵoj | 70,30 |
| Entute belg. frank. | 27.568,20 |

Ni do finis la jaron kun saldo kreditora de 3.956,15.

Sed ni tiam ŝuldis al la presisto sumon de ĉirkaŭ 5.000 frankoj, kompensita per mono enkasigota pro publikigitaj anoncoj.

Aliflanke, ni enkasigis jam en 1930, kotizaĵojn por la jaro 1931.

Nia situacio montriĝis do tiel la 31an de decembro 1930.

| ŜULDAS | | HAVAS | |
|---|---|---|---|
| 1. Kotizaĵoj por 1931, enkasigitaj dum 1930 | 4.792,42 | 1. Sumoj enkasigotaj por presitaj anoncoj | 8.545,95 |
| 2. Presisto | 5.131,55 | 2. Saldo ŝuldanta | 1.378,02 |
| Belg. Frank. | 9.923.97 | Belg. Frank. | 9.923,97 |

La en-kaj elspezoj de la Administracio estas regule kontrolataj de la Prezidanto kaj de la Ĉef-kasisto de T. E. K. A., kiuj ricevas ĉiumonatan raporton kaj kopion de la kalkuloj.

Dum la jaroj 1929 kaj 1930, ni daŭrigis la presadon de la provo de teknika medicina vortaro, verkita de D-ro Briquet. Nova eldono, kompletigita kaj reviziita estas nun presata. Ĝi estos preta post kelkaj monatoj. Por faciligi al ni la eldonadon, ni tre petas ke niaj legantoj jam nun mendu kaj pagu sian ekzempleron. Al tiuj, kiuj pagos antaŭ la apero de la libro, ni sendos la libron je niaj kostoj.

La korespondado kun la abonantoj povis esti konservata en bona ordo, dank'al al la laboro de pagata oficistino. Bedaŭrinde granda parto de ŝia laboro estas eluzita por korekti kaj rekopii la ofte preskaŭ nelegeblajn manuskriptojn de la kunlaborantoj de la Revuo. Denove do ni insiste petas : 1. ke se eble oni skribu per skribmaŝino, lasante sufiĉe larĝajn marĝenojn kaj interspacojn, ne sur maldika papero malebliganta ĉian korektaĵon ! 2) se oni ne posedas skrikmaŝinon, tiam oni skribu kaligrafe, sur deca papero. Estus ankaŭ necese ke kelkaj ĝisfunde lernu la lingvon... Kompreneble unue aperas en la Revuo la tekstoj kiuj bezonas nek korektigon nek rekopiadon. Do, karaj kunlaborantoj, se vi volas, ke viaj tekstoj tuj estu presataj, vi nun konas la recepton.

Ni ĉiam volonte ricevas ĉiuspecan materialon ; plej utilaj estas mallongaj referatoj el medicinaj gazetoj ĉiulandaj, kaj novaĵetoj pri la medicinaj okazintaĵoj. Tradukado el nia Revuo por nacilingvaj medicinaj gezetoj estas tre utila, kaj la redakcioj volonte akceptas tian materialon. Ne forgesu mencii nian ĵurnalon, kaj la vorton Esperanto.

Aliaj devoj de niaj legantoj : pagi regule sian abonon, ne atendinte plurajn instigojn niajn, tre multekostajn kaj temporabantajn ! Varbi konstante kolegojn ; interesigi anoncantojn pri nia internacia gazeto : kiam reprezentanto de farmacia firmo vizitos vin, montru al li nian gazeton, kaj diru ke vi nur receptas la produktojn en ĝi anoncatajn.

Ke ĉiu kolego helpu nin laŭ siaj fortoj ; dum la malfacila nuna periodo, ni bezonas streĉon de niaj rimedoj, moralaj kaj financaj ; ne malŝparu ilin, ni ankaŭ nenion preterlasos por propagandi kaj disvastigi nian gazeton kaj por utili al ĉiuj.

Por la administracio :
D-ro P. KEMPENEERS.

---

## AVIZO

*La* « Phare Médical »*gazeto de la firmo DROUET ET PLET, unu el niaj fidelaj anoncantoj, sendata regule al 17.000 francaj kuracistoj, malfermis en siaj kolonoj enketon pri esperanto kaj ĝia taŭgeco por sciencaj rondoj. Tiuj kiuj konas la francan lingvon povas peti senpagan abonon de S-ro CLIGNY, ĉe Drouet et Plet, Rueil apud Parizo ; ili bonvolu respondi al la enketo same kiel jam faris kelkaj kolegoj. La firmo Drouet et Plet* (Phosoforme-Ozobiase) *meritas helpon de la T.E.K.A.-anoj.*

BRIQUET.

---

# DIVERSAĴOJ

## NEKROLOGO



D-ro Edm. SOS †

Doktoro Edmundo SOS, depost tridek jaroj la animo (jes vere la bona animo!) de la Esperanto-movado en Aŭstrujo, mortis Sabate la 27-an de Junio 1931. Lia foriro el nia mondo postlasas orfan lokon vere malfacile okupigeblan. Li naskiĝis la 25an de Decembro 1864 en Satoralja-Ujhely en Hungarujo kaj venis al Vieno por studi en la universitato en la jaro 1882; li promociis kiel kuracisto la 27an de Junio 1891. Do, la tagon de sia morto li estus festinta la kvardekjaran jubileon de sia promocio. Nur tri jarojn li kuracadis por poste fariĝi dentkuracisto. En tiu speciala metio li fariĝis fame konata kaj ofte serĉata konsilanto.

Jam dum la unuaj jaroj de sia kuracista praktikado li aliĝis al la Esperantismo, laboranta modeste kaj tamen kun plej granda efiko. Lia ĉarma konduto kontraŭ ĉiuj, lia ĉiama komplezemo, lia pasio por ĉio bona kaj bela kaj lia alta intelekto kune kun elfunda klereco ravis ĉiun, kiu havis rilatojn kun li. Senlace li laboris por la disvastigo de Esperanto, partoprenis kongresojn, akceptis funkciojn en la esperantistaj entreprenoj, aranĝoj kaj unuiĝoj en Vieno. Kaj neniam li preterlasis okazon por perfektiĝi en la lingva scio; krom Esperanto li estis perfekta en la germana, hungara kaj franca lingvoj. Ni dankas al li multajn modelajn tradukojn el la mondliteraturo. Dum multaj jaroj li estis vicprezidanto fine honora prezidanto de la « Unua Esperanto-Unuiĝo » de la plej malnova Viena E-asocio kaj de la « E-organizo de Oficlavantoj de la komunumo Wien »,

estis estrarano en la iama Aŭstra-Esperanto-Ligo kaj en la komerca entrepreno Nova Tempo kaj poste fervora ideoriĉa delegito de la Aŭstra E-Delegitaro, kies plej grava akceliganto li fariĝis, kaj ree poste de la Aŭstra Esperanto-Asocio, la unua tutaŭstra neŭtrala organizaĵo. Kune kun sia amiko Glück li verkis la fame konatan lernolibron de Esperanto, laŭ kiu la plej multaj Esperantistoj en Aŭstrujo lernis Esperanton. Plue li kunlaboris kiel redaktoro en la « Deutsch-Oesterreichischer Esperantist » kaj poste en la gazetoj « Nova Tempo » kaj « Aŭstria Esperantisto ». Li verkis artikolojn por multaj E-gazetoj; i.a. por « Heroldo » kaj Internacia Medicina Revuo », kies redaktoro li estis. Estinte ankaŭ pasia ano de la Paneŭropa ideo, li fondis la Vienan grupon de la Paneŭropaj Esperantistoj. Estis li, kiu eldonis esperantlingve la Paneŭropan manifeston. Li estis delegito, kaj komitatano de U. E. A. Per tio arego da esperantistoj lernis ŝati lian homaman bonkorecon, la altajn kvalitojn de lia karaktero. Estinte unu el la unuaj esperantistoj li baldaŭ persone konatiĝis kun nia majstro Zamenhof, kaj restis kun li en ĉiama amika kontakto. Vivante modesta kiel sanktulo, ĉiam lasante la unuajn lokojn al la ambicio de aliaj, li ludis en la Viena Esperanto-movado en la lastaj jaroj de sia vivo ĉefe la rolon de instiganto al perfekta lingvoscio, de edukanto al nobla homeco, de papciganto; en tio verŝajne li havis la plej valorajn sukcesojn. Ĉefe al li ni dankas la unuecon de la esperantistaj asocioj en Vieno kaj Aŭstrujo. Kiom li estimis la pacon, tion montras ankaŭ lia amikeco kun la famaj gvidantoj de la pacomovado, kun Alfred H. Fried kaj Berta von Suttner, al kiuj li oftfoje liveris materialon kaj servis kiel peranto.

En nia memoro ĉiam restos tiu pasia poeziema fervora kaj fidela samideano, tiu modela homo, doktoro Edmundo SOS kaj en lian tombon ni postsendas nian koran dankon por lia pionira laboro. Li ripozu en paco!

(El *Esperanto*) O. Z.

— Nia T. E. K. A. denove perdis gravan anon kaj fervoran laboranton. Mortis D-ro Maksymilian PAPIERNY, el Lodz (Polujo). Li estis unu el niaj modestaj amikoj, senbrue farantaj grandan laboron. Li verkis en Esperanto ampleksan « Lernolibron pri Akuŝarto », atendantan de kelkaj jaroj eldoniston. Niaj plej profundaj kondolencoj por la Familio.

— Mortis S-ino A. VAN DER BIEST-ANDELHOF patrino de nia kolego kaj sindona kunlaboranto D-ro W. VAN DER BIEST, (Bruselo) al kiu ni prezentas nian sinceran kunsenton.

— En Vieno mortis P-ro von ECONOMO, fame konata neŭrologisto: la 17an de julio 1917 li unuafoje parolis en la Viena Neŭrologia Societo, pri la ĵus observita nova infektiga malsano, nomita *letargia epidemia encefalito.*

— Kun bedaŭro, ni sciiĝis pri la morto de P-ro D-ro A. GROTJAHN, profesoro ĉe la Sociala Higiena Seminaro el Berlino. Ni esprimas al lia familio niajn sincerajn kondolencojn.

## ESPERANTISTA KRONIKO

BELGUJO. — En « *Bruxelles-Médical* », 1-III-1931, referato kun bildo de la artikolo de ERIGUTI-HARUSI (Osaka) eldonita de I. M. R. pri pigmentado post banoj en infusaĵo de *Ficus carina*.

Ankaŭ en la dirita n-ro estis resumo de artikolo de I.M.R. pri la nova leĝo por la publika saneco en Rumanujo.

— En « *Bruxelles-Médical* », 29-III-1931, reprodukto de la ŝatinda artikolo de D-ro Félix REGNAULT pri la temo *Lingvo en medicinaj internaciaj kongresoj* kaj en medicina literaturo. Eltirita el « *Revue moderne de médecine et de chirurgie* » tiu artikolo estas tute favora al Esperanto kaj reproduktinda en ĉiuj medicinaj gazetoj.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — S-ro SCHOLZE, kreinto de Esperanto-Muzeo en Wien faris propagandvojaĝon. En Marienbad estis aranĝataj tri paroladoj, kiujn vizitis 750 personoj. Sekvis Karlsbad kun 300, Reichenberg kun 179, Reichenaŭ kun 180 personoj. (El *Heroldo de Esperanto*, 14-XI-1930.)

FRANCUJO. — *Phare Médical* (julio 1931) entenas tri leterojn favorajn al Esperanto; unu estas skribita de D-ro KEMPENEERS.

GERMANUJO. — En Bochum ĉiulunde en « Bürgergesellschaft » ariĝas nun pli ol 30 novaj Esp. gelernemuloj ĉirkaŭ nelacigebla instruanto S-ro apotekisto STEIN. (El *Heroldo*.)

SVISUJO. — Gesinjoroj R. MAEDER-LOFFLER sciigis la naskiĝon de filineto. *Niajn korajn gratulojn al nia agenza kunlaboranto kaj al lia edzino.*

— En anoncfolieto por hemoroid-rimedo D-or Rud. G. MAEDER, Löwenapoteke, St-Gallen, liveras detalojn en kelkaj lingvoj, inter kiuj esperanto.

## NOVAĴETOJ

AŬSTRUJO. — La fama Wien'a rentgenologo, P-ro D-ro HOLZKNECHT, estis devigata submetiĝi al operacio de fortranĉo de la dekstra brako pro lezoj, kaŭzitaj de rentgenaj radioj.

BRAZILO. — En la unua kunsido de la Konsilantaro de *Ligo de Nacioj* reprezentanto de la Brazila Registaro prezentis proponon stariri « *Internacian Instituton por esploroj de lepro.* », kiun aranĝus la Brazila Registaro je propra kosto kaj transdonus al la Ligo de Nacioj. La lasta akceptis la proponon kun danko.

SVISUJO. — Nia ŝatata kunlaboranto, D-ro R. MAEDER-LOFFLER, el St-Gallen, partoprenis en la 86a kunveno de la Svisa farmaciista asocio en Bern, kaj faris en ĝi bonan propagandon por nia afero.

## BIBLIOGRAFIO

— *Internationale Sprachnormung in der Technik*, de D-ro Inĝ. E. WUSTER. Tiun grandformatan libron, 432paĝan, ni recenzos detale en nia venonta numero. (Eldonejo: VDI-Verlag. G. M. B. H., Berlin, N.W. 7.)

— *Vocabolario completo Esperanto-Italiano* de D-ro Aĥilo TELLINI (Udine). Eldonanto: A. PAOLET, S. Vito al Tagliamento. — Lukse bindita libreto, 512 paĝoj. Prezo: 9 liroj. Tiu vortaro estas tre riĉenhava kaj tute rekomendinda verko; zorga kompilaĵo de ĉiuj antaŭaj vortaroj, ĝi entenas multajn vortojn teknikajn (medicinajn k.a.). BRIQUET.

## KORESPONDETO

— D-ro P. B. WILTBERGER, 1271 N. High Street, Columbus, Ohio, deziras interrilatiĝi kun belgaj, francaj aŭ germanaj ĥirurgioj kiu havas sperton pri tonsilektomio kaj diatermio.

— D-ro SHINODA Hidea, 224, Mabashi, Suginamimachi, Tokiofu, Japanujo, deziras interkomuniki kun ginekologoj el tutmondo.

— *Perletera instruado estas bona* aranĝo por multaj, kiuj pro iu kaŭzo ne povas regule viziti la enklasajn kursojn. Ĝi estas ankaŭ agrabla por izolaj samideanoj, kiuj volas plifirmigi sian scion aŭ ripeti ĝin en amuze-serioza maniero. Tiuspecan skriban kurson (tute en Esperanto) gvidas L. Funken, Koblenzo (adreson kaj detalojn vidu en la anonco!). La studado estas rekomendinda.

— *Karaj Kolegoj! Intencante eldoni en ĝusta momento « Galerion de esperantistoj-kuracistoj », la Redakcio de « Internacia Medicino Revue » petas ĉiujn kolegojn sendi siajn portreton, aŭtobiografion kaj plidetalan rilaton al Esperanto.*

## TUTMONDA ESPERANTISTA KURACISTA ASOCIO (T.E.K.A.)

*Prezidanto* .............. D-ro W. Robin (Warszawa).
*Vic-Prezidanto* .......... D-ro T. Ogata (Tokyo).
*Ĉefsekretario* ............ D-ro S. Wysokinski (81a Marzalkowska, Warzawa).
*Ĉefkasisto* ................ D-ro Bluth (Neuenahr).
*Redakcianoj de I.M.R.* P-ro Vanverts (Lille), D-roj Robin, Kempeneers kaj Blassberg.
*Estraranoj* : D-roj Canuto (Torino), Fels (Lwow), P-ro Niŝi (Tokyo), D-roj Ulman (Mukaĉevo), Van Becelaere (San Diego).

### LANDAJ KASISTOJ

| | |
|---|---|
| *Belgujo:* | D-ro Kempeneers, 20, rue aux Laines, Bruxelles (Poŝtĉekoj 13.111). |
| *Brazilo:* | S-ro Maltez Fernandez, Santa-Luiza, 18, Rio-de-Janeiro. |
| *Francujo:* | D-ro Briquet, Boulevard Montebello, 48, Lille (Poŝtĉekoj, Lille, 30.25). |
| *Germanujo:* | D-ro Bluth, Hauptstrasse, 58, Neuenahr. |
| *Hispanujo:* | S-ro Bartomeu, str. Tallers, 18, Barcelono; |
| | D-ro C. de San Antonio, Mélendez Valdes 25, Madrid. |
| *Italujo:* | P-ro Monti Pier Carlo, via Carlo Alberto, 29, Milano 106. |
| *Japanujo:* | D-ro Ryoozi-Ura, Anatomia Instituto, Medicina Fakultato, Tokio. |
| *Jugoslavujo:* | D-ro Crlenjak, Palmotiĉ str. 20, Zagreb. |
| *Litovujo:* | D-ro J. Kovarskis, Merkine, Alytus. |
| *Maroko:* | D-ro Roberto Maraury Barredo, str. Alfonso XIII, 24, Tetuan. |
| *Meksikio:* | D-ro Ambrosio Vargas, 7a de Bravo, 95, México, D. F. |
| *Polujo:* | D-ro St. Wysokinski, Marszalkowska 81a, (Poŝtĉekkonto 16.356). |
| *Svisujo:* | D-ro Wanner, avenue Georgette, 1, Lausanne. |

### KONSULOJ

| | |
|---|---|
| *Danujo:* | D-ro J.-H. Leunbach, Stockholmsgade, 39, Kopenhago. |
| *Finlando:* | D-ro Salokannel, Salminen st. |
| *Francujo:* | D-roj Cotar, Vichy; Dardel, Aix-les-Bains; Gros, Apt (Vaucluse). |
| *Germanujo:* | D-ro Schwab, Pariserstr. 3, Berlin W. 15. |
| *Grekujo:* | D-ro Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| *Hispanujo:* | D-ro Bremon Masgraŭ, Carrer Balmes 102, Barcelona. |
| *Litovujo:* | D-ro J. Kovarskis, Merkine, Alytus. |
| *Japanujo:* | D-ro Yagi Hideo, Medicina Fakultato Imperia Universitato, Kioto. |
| | D-ro Tomasaburo Ogata, Patologia Instituto, Tokio. |
| *Jugoslavujo:* | D-ro Crlenjak, Palmotiĉ str. 20, Zagreb. |
| *Polujo:* | D-ro Leon Zamenhof, Marszalkowska, 125, Warzawa. |
| *Sovet-Unio:* | D-ino M. Fomina, Rustaveli, 14 Batum (Kaŭkazo); K-do Snejko, poŝtkesto 33, Minsk (Blankrusio); D-ro Babadagly, str. Engels, 1, Odessa (Ukrainujo), D-ro Skalskij, 147, Prolomnaja, Omsk (Siberujo). |
| *Skotlando:* | D-ro Primmer, Struan-Bank, Cowdenbeath. |
| *Usono:* | Van Becelaere, 220, Laurel Street, San Diego (Kalifornio). |

*AVIZO: Tiuj, kies nomo aŭ adreso ne estas korekte presitaj, bonvolu informi la administracion.*

Impr. Médicale et Scient., rue Botanique, 34, Bruxelles.